XXXIII-a Jaro — N-ro 437 — 25 Februaro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# La Jubilea Kongreso

## La nuna situacio Ora mezvojo - Bojkoto? - Simpla solvo - La estonto

### La nuna situacio

Kvin monatoj nin disigas de la semajno, en kiu ni kunvenos en la pola ĉefurbo por festi la 50 jaran ekziston de la lingvo, kiun ni Esperantistoj amegas. Sub normalaj cirkonstancoj tutmondaj kaj esperantistaj alvenus Varsovion ne centoj, sed miloj da samideanoj por pilgrimi, plenaj je dankemo, al la lokoj kie vivis, laboris kaj suferis la kreinto de la lingvo!

Nigra ombro pendas super la Jubilea Jaro. Regas maltrankvilo en la mondo; konfuzo inter la esperantistoj. La varsoviaj samideanoj akceptis taskon tiom riskoplenan, ke ne estas banalajo daŭre ripeti: **Ni kunhelpu, ĉiu laŭ povo kaj scio!** Ne temas pri **la kunveno laŭ ekzemplo «la kongreso amuziĝas»** sed pri manifestacio eksterordinara: Ĝi devus montri, ke malgraŭ internaj ĉikanoj ni estas unuavice ideaj filoj de D-ro Zamenhof.

La Loka Kongresa Komitato staris antaŭ grava problemo. Laŭjure la Universala Kongreso de Esperanto estas organizata de UEA. La konstitucio de UEA diras pri ĝi la jenon: ... *organizas la Universalajn Kongresojn kaj aranĝas teknikajn konferencojn.*

Kaj la artikoloj 43-45 fiksas la jurajn kaj praktikajn kondiĉojn laŭ kiuj la kongresoj estas organizataj.

UEA ekzistas *de iure* kaj *de facto*. La LKK en Varsovio ne povis alie ol respekti konstitucion, serĉante praktikan eblecon de interkonsento sur meza bazo.

### Ora mezvojo

La Provizora Komitato de UEA, ekzameninte la situacion, komisiis la subskribinton, trakti rekte kun la LKK en Varsovio kaj trovi *oran mezvojon* inter la diversaj postuloj juraj kaj praktikaj. Post kelkhora pridiskuto estis fiksita la interkonsento represita tie-ĉi.

Kio estas la senco de l'Interkonsento? La unua kaj ĉefa: Ke Varsovio ne estus loko kie kunvenas esperantistoj de unu flanko, sed kie kunvenas

*homoj kun homoj*

parolantaj Esperanton kaj praktikantaj la idealon de nia majstro kio konsistas en reciproka tolero kaj respekto!

### Bojkoto ?

La logika konsekvenco de tiu ĉi interkonsento estas, ke UEA per ĉiuj siaj fortoj kaj teknikaj rimedoj helpu al la sukceso de la JUBILEA. Plie tiu ĉi Interkonsento estu ekzemplo por similaj aranĝo kun la aro da Landaj Asocioj kiujn reprezentas la nova Ligo.

Sed kion ni devas konstati? Nu, oni ne miru plu! La sama spirito, kiu regis en Stokholmo, kiu kreis la malunuecigon de la movado, kiu kondukis al la disŝiro de akceptitaj devigoj (Konstitucio estas ja nur «papera ĉifono» = Neceseco ne konas leĝon!), ankaŭ provis trudi sian influon en Varsovio. Mallonge: La Ligo, reunuiganta dekduon da Landaj Asocioj postulas, ke la kongreso submetiĝu al ĝi, ke la rajtoj de UEA transiru tute simple al la Ligo!

Ne estas ŝerco! Disrompinte la organizon, ne zorginte je laŭleĝa likvidigo de la subite senvalora UEA, *jen* oni deklaras sin pli malpli kiel jura posteulo kiam temas pri konkretaj *rajtoj*. Kaj kiel kronon super ĉio, la Estraro de la Ligo minacas per *bojkoto* kaj kunvoko de universala kongreso en alia loko kaj lando.

Tion la LKK tute simple rifuzis. Kaj prave! Dume la Londona Ligo, per voĉdono esploras la esperantistan konscion, ĉu akcepti similan interkonsenton kun LKK, donante al tiu-ĉi liberan manon, ĉu en mala okazo, forlasi Varsovion, la jubileon, lasantaj fidelajn varsovianojn en embaraso. Tiel aspektas Esperantista solidareco!

Alia fakto estas, ke en Vieno (Aŭgusto 1936) la tiama Direktoro de UEA subskribis specon de kontrakto kun la LKK Varsovio. Tiu ĉi dokumento konservas sian validecon, pro la simpla fakto, ke UEA ne rezignas sian rajton.

### Simpla solvo

Kiel eliri el tiu ĉi situacio? Nenio pli simpla ol tio! La Interkonsento represita tie ĉi montras la vojon. La Jubilea Kongreso reunuigu ĉiujn, kiuj deziras la sukceson de nia klopodado, tute egale kian direkton ili preferas en la movado.

*Estas honora devo de ĉiu konscia Esperantisto, subteni la laboron de la LKK en Varsovio por ke la JUBILEA SUKCESU.*

*Ĉiu kiu povas, aliĝu al la Jubilea kongreso kaj partoprenu ĝin.*

### Interkonsento

**Inter Provizora Komitato de Universala Esperanto-Asocio kaj la Loka Kongresa Komitato de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto, dum kunsido okazinta la 19an de Decembro 1936 en Varsovio, estas farita la sekvanta interkonsento.**

**Penetritaj de la arda deziro, ke la Esperantistoj de la tuta mondo povu partopreni en kora interkonsento sian Jubilean Kongreson en Varsovio, la lulilo de nia lingvo, Loka Kongresa Komitato de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto interkonsentas kun la Provizora Komitato de UEA pri suba aranĝo.**

**LKK organizas Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.**

**La plenumo de la laŭstatutaj devoj rezultantaj el la okazigo de la Jubilea Kongreso, estas ĝisplue prokrastata.**

**Jubilea Kongreso en ĉiuj formalaj kaj praktikaj demandoj sekvos tradicion de ĝisnunaj Universalaj Kongresoj.**

**La du Komitatoj esperas, ke tiu-ci interkonsento farita sole kaj nure en la intenco akceli harmonion inter la Esperantistoj, helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia majstro D-ro L. L. Zamenhof.**

**L.K.K. de la XXIX-a U.K.**
**B. Wyszynski, prezidanto.**
**A. Hartman, sekretario.**

**Provizora Komitato de UEA.**

**La Prezidanto: K. M. Liniger. La Vic-Prezidanto: Renaud Richez.**

La Loka Kongresa Komitato dissendos post nelonge inviton al esperantistoj partopreni la Jubilean. Ke la alvoko de la LKK trovu la eĥon, kiun meritas ĝia laboro.

### La estonto

Stokholmo brile aranĝita kongreso: R o m o, turisma promenado tra Italio kun apuda «kongreso»: V i e n o, kunveno impresiga al eksterulo, sed sen interna kunligo: jen proksimume la trajtoj de la kongresoj post Kolonjo.

V a r s o v i o, la jubilea kongreso ree fariĝu manifestacio de esperantista amikeco, s e n kvereloj, sen mortiga diskutado pri «*plej bona organizo*». Varsovio reprenu la plej bonan tradicion de niaj kongresoj. Varsovio estu vojmontro al nova epoko en Esperantujo.

Varsovio, lulilo de Esperanto, arigu la samideanojn pretajn por labori, sed ne por disputaĉi senfine pri problemoj kiuj ne plu estas tiaj. Ni estu Esperantistoj antaŭ ĉio!

Kaj al Varsovio sekvos B e r n o. Invitis la kongreson de Esperanto por 1938 la Urba Konsilantaro de Berno, kun morala apogo de Kantona kaj Konfederacia registaroj. Notinda subteno financa estas jam certigata. La Bernaj Esperantistoj kiuj iam en stranga momento akceptis la kongreson (1913) estas pretaj plenumi sian devon. La Provizora Komitato de UEA interkonsente kun la Svisa Esperanto-Societo danke akceptis la inviton. Decidos definitive la estonta komitato de la Asocio.

Estintaj argumentoj kontraŭ Svisujo kiel kongreslando pro multekosteco ne plu havas fundon. Facile atingebla kaj pro reciprokaj aranĝoj kun multaj regnoj pri montrafiko, Svislando jam per tio simpligas la aranĝon de kongreso. Sekve post la JUBILEA sekvu la 30a kongreso en libera Svislando.

Hans Jakob,
*Administranto de UEA.*

### Informo de LKK

Laŭ la sciigo de la ĉeĥoslovaka Fervoja Ministerio ĉiu partoprenonto de la Universala Kongreso en Varsovio profitos de 25% rabato sur la ĉeĥoslovakaj fervojoj. La specialajn legitimilojn prizorgas s-ano R. Bloch, Praha-Smichov 106, Ĉeĥoslovakio.

Ministerio por Eksterlandaj Aferoj de Ĉeĥoslovakio per la dekreto N-o 162-934/V-4/36 de 19.XII.1936 donos senpagajn ĉeĥoslovakajn vizojn por partoprenontoj de la Jubilea. La vizojn donos la konsulejoj senpage.

Ĉiu centa aliĝinto al la Kongreso ricevos belan memoraĵon.

Societoj, samideanoj, dezirantaj ricevi la murafiŝojn tuj skribu al L.K.K. Ankaŭ bv. skribi tiuj, kiuj jam skribis, sed pro iaj kaŭzoj ne ricevis.

Adreso de la L.K.K.: Chmielna 26/8, Warszawa 1, Polujo.

Tuj aligu al nia Jubilea Kongreso en Varsovio.

### Esperanto en Germanlando

Antaŭ preso de tiu ĉi numero ni ricevis la malĝojigan informon ke la

**Esperanto Instituto por la Germana Regno**

en Leipzig, fermis sian pordon je la 3la de Decembro 1936. La riĉa kaj bone aranĝita biblioteko estis donace transdonita al la Preussische Staatsbibliothek, kie ĝi formas sekcion.

D-ro Albert Steche, unu el la ĉefaj fondintoj kaj bonfarintoj de la Instituto en adiaŭa letero dankas al ĉiuj kunhelpintoj, patronantaro, donacintoj, ekzamenkomisionoj kaj al la simpatia F-ino Wunderlich, longjara sekretariino sensalajre laborinte dum la lasta tempo ĝis la likvidigo. El la finkalkulo prezentita, vidiĝas, ke la deficiton egaligis malavare D-ro Albert Steche, nun 75 jaraĝa.

Malfacile estas esprimi per vortoj tion kion oni sentas, legante tiun ĉi informon. Al la bravaj samideanoj kies kunlaboro multe helpis internacie kaj kies serioza agado influis similan en negermanaj landoj la movado ŝuldas neforgeseblan dankon.

*
* *

Stranga koincido estas la samtempa informo, ke la Komercista Esperanto-Unio en Dresden, kiu tiom sukcese peradis germanajn varojn al eksterlando, estas rajtigita daŭrigi sian entreprenon. Sub la kondiĉo, ke Esperanto estu **ilo** kaj ne celo kaj ke la societa karaktero de l'entrepreno malaperu, alie dirite ke la komerco estu ĉefa celo.

**Universala Esperanto-Asocio**

Centra Oficejo: I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# Kiel pensas kaj sentas la samideanoj pri UEA ?

## LA VOĈO DE L'POPOLO

### Kio estas « Interna Ideo » ?

La Decembra numero 1936 de la internacia revuo « Esperanto » per ĝia ĉefartikolo « Returne al la Interna Ideo » invitas kaj elvokas, ke enradikiĝu « per ĝi la sento je toleremo, pacemo kaj cedemo », kaj ni « komencu la jubilean jaron 1937 ».

Ĉu tio realiĝos ? Mi ne metas mian esperon sur la « internan ideon ». *Kio do estas « interna ideo »* ?

Ne malofte esperantisto (kaj kelkfoje ankaŭ ne-esperantisto) demandas, kion oni komprenas sub la « interna ideo de Esperanto », aŭ « Esperantismo » aŭ « homaranismo » de D-ro Zamenhof. Kaj pri tio oni povas aŭdi kaj legi diversajn opiniojn, eĉ flanke de kompetentuloj. Mi citas jenajn.

*E. Wüster* en sia Enciklopedia Vortaro mencias sub la limvorto « ideo » ankaŭ la « internan ideon » kaj atentigas la proverban parolturnon « homaranismo », kiun li eksplikas « eventuale homecokonscio, ĉiokonscio, homarkredo (mondpercepto de Zamenhof k.a., eĉ kiu la aparteneco al la mondotutaĵo estas la gvidanta inteligenteco) en la Esperanto-movado kiel pli ĝenerala esprimo ankaŭ interna ideo (de Esperanto), (idea flanko de la) esperantismo ».

« *Heroldo* » n-ro 17 (670) de 1.V.32 diras : « Homaranismo estas celado al pura homeco kaj al absoluta intergenta justeco kaj egaleco ».

*Heroldo-poŝvortaro* (1932), en dua (verda) parto, diras : « Interna Ideo » de la Esperanto estas multe pridisputita, sed malofte klare konturita. Laŭ opinio de la aŭtoroj ĝi estas 1. la konscio, esti probatalanto de iu el la plej grandaj kulturakiraĵoj ; 2. la sento de la solidareco, kiu super rasoj, super land- kaj popollimoj, super religio kaj klaso lasas en la aliulo ekkoni kaj estimi la homon.

« *Plena Vortaro de Esperanto* » (SAT 1. eldono 1930, Paris) difinas « homaranismon » : « Doktrino postulanta, ke ĉiu rigardu kaj amu ĉiulandajn homojn kiel siajn fratojn ».

En « Heroldo » n-ro 29 (838) de 21.VII.35 skribas iu pseŭdonima S-ro *Vilo Vilaĝestro* : « Esperanto dankas sian ampleksan disvastiĝon ne nur al ĝia supereco al konkurencaj lingvoj, sed precipe ankaŭ al tio, ke la Majstro aldonis al ĝi certan mondpercepton, kiun ni nomas « interna ideo ». Sub « interna ideo » mi komprenas la celadon de la moralaj kaj materialaj konsekvencoj de la oficiala enkonduko de Esperanto. Mi dubas, ĉu niaj pioniroj dum jardekoj estus persistintaj sen tiu « interna ideo ». En organizaj rilatoj ĝi havu la karakteron de faka ligo. La Verda Legio estu la konscia reprezentanto de la interna ideo. Ĝia tasko ne estu pia filozofio, sed praktika Esperantismo... » (Ĉi tiun « internan ideon » V.V. intencas profitigi sian organizon « Verdan Legion » por n o v a Esperanto-movado.)

La « *Filozofia Vortaro* » *de D-ro Kamaryt* enhavas propran artikolon pri « Homaranismo » : « Instruo de Zamenhof, laŭ kiu estus rilatoj inter homoj plibonigitaj, se la homoj interkonsentus akcepti neŭtralan religion enhavantan principojn komunajn al ĉiuj religioj kaj se ili interkonsentus ne altrudi al si perforte siajn personajn gentajn, naciajn kaj rasajn diferencojn kaj preferojn. Zamenhof publikigis tiun instruon unuan fojon en anonima broŝuro titolita « Homaranismo », aperinta 1906 en Leningrad. En antaŭparolo li klarigas jene : « La homaranismo estas instruo, kiu, ne deŝirante la homon de lia natura patrujo, nek de lia lingvo, nek de lia religianaro, donas al li la eblon eviti ĉian malverecon kaj kontraŭparolojn en siaj naciareligiaj principoj kaj komunikiĝadi kun homoj de ĉiuj lingvoj kaj religioj sur fundamento neŭtrale homa, sur principoj de reciproka frateco, egaleco kaj justeco ». Nur kiam en 1912 Zamenhof formetis de si ĉiun oficialan rolon en esperantismo, li deklaris sin publike aŭtoro de homaranismo ».

Plej klare kaj interese priparolas la aferon la *eminenta fakulo D-ro Joh. Dietterle* (longjara gvidanto de la Esperanto-instituto por la germana regno kaj kolektanto de la « Originala Verkaro de Zamenhof ») en « Literatura Informilo » (n-ro 6, somero 1930) per sia artikolo « Zamenhof kiel edukisto ». Laŭvorte mi elĉerpas i.a. nur jenon. « ... Tute ne estas dubo, ke D-ro L. L. Zamenhof, la eltrovinto de Esperanto, rigardas tion tasko de sia vivo, ludi la rolon de edukisto de l' homaro, kvankam li — treege modesta homo — neniam parolis pri tio, kaj kvankam li eble mem ne plene konsciiĝis pri sia rolo. Same ne estas dubo, ke li fakte estis tia persono, kiu povas esti por siaj disĉiploj brila modelo. Se ni kontentiĝus, vidi en li nur la eltrovinton de artefarita mondhelplingva sistemo, kiaj ekzistis antaŭ kaj post Esperanto en grandega nombro, ni multe tro malalte taksus lian signifon. Oni ja povas rigardi Esperanton nur kiel praktikan aferon kaj la plej simplan kaj plej taŭgan solvon de problemo, pri kies solvo vane klopodis multaj personoj. Tiam oni ne esploros la personajn kvalitojn de Zamenhof Sed tiam oni ankoraŭ ne fariĝas vera esperantisto en la senco de Zamenhof, malgraŭ la bulonja deklaracio. Laŭ ĝi oni ja povas nomi sin esperantisto. Tamen la vorto havas nur eksteran signifon. Certe estas treege dezirinde, ke la nombro de tiaj esperantistoj, kiuj nur pro praktikaj celoj akceptas la Zamenhofan lingvon, ĉiam kresku. Nur sur tiu vojo la Esperanto-afero venkos. Kaj se ĝi venkos, jam plej grava celo estos atingita. Sed ne tio, kion Zamenhof imagis al si kiel lastan celon de sia laboro. Por li Esperanto estis nur vojo al pli alta celo. Fakte lastmomente la de li elpensita lingvo estis nur apudaĵo. La ĉefaĵo estis por li tio, kion li nomis « interna ideo ». Ĉi tiu ideo gvidis kaj regis lin de lia juneco, dum la tagoj de la propagando de la Hilelismo kaj Homaranismo, dum sia tuta vivo ĝis la lastaj momentoj.

Mi mem tute malkaŝe konfesas, ke mi komence apartenis al tiuj esperantistaj adeptoj, kiuj opinias, ke por Zamenhof unualinie estis grava la nova lingvo kaj ne la « interna ideo ». Estas cetere konsilinde, ke ni ĝenerale propagandu nur laŭ tiu vidpunkto, ĉar ni ne scias, ĉu niaj aŭskultantoj emas krom la praktikan flankon de Esperanto akcepti ankaŭ la aliajn ideojn de Zamenhof. Sed pli intensa studado de la Zamenhofa verkaro ankaŭ tre intense korektis mian opinion. Certe li deziris, ke la lingvo elpensita de li — facile lernebla kaj de ĉiuj nacioj facile uzebla — servu al la plifaciligo de l'internacia interkomunikiĝo rilate komercon, sciencon, korespondadon, vojaĝojn, k.t.p. Li ankaŭ tutkore ĝojis, kiam oni komprenis minimume tion, ke Esperanto estas eltrovaĵo, kiu helpas ŝpari tempon, monon, fortojn, bonfara agrablaĵo por la internacia vivo kaj plifaciligo por internaciaj rilatoj. Li ĝojis pri tiuj, kiuj decidis lerni kaj apliki ĝin pro la praktika profito. Sed tio, kion li avidis, estis celo parte politika, parte etika kaj ankaŭ religia. P o l i t i k a — ĉar kun sia principo : « nacia lingvo por la rilatoj kun samnacianoj, unu mondhelplingvo por ĉiuj rilatoj de la diverslingvaj popoloj » li celis alproksimigi la popolojn kaj protekti ek la plej malgrandajn popolojn rilate iliajn lingvon kaj nacian vivon. E t i k a — ĉar li volis eduki la homojn kaj popolojn al konduto, kia rezultas el pli intima reciproka kono de l'popoloj kaj el la per si mem sekvanta reciproka respekto. R e i g i a — ĉar li ŝatis la edukon de l' homaro en la senco de toleremo kaj homamo, kiuj estis por li la kvintesenco de ĉiu religie bazita mondkoncepto kaj kredo... ».

Cetere pri tio estas tre rimarkinda la *respondo de Zamenhof* (en « Ruslanda Esperantisto » II. 1906, n-ro 5) al la fame konata esperantisto kaj katolika pastro Dombrovski, kiu kontraŭbatalis la Zamenhofan « internan ideon » aŭ « homaranismon ». Zamenhof respondis jenon : « Oni devas memori, ke la homaranismo tute ne volas anstataŭigi la ekzistantajn religiojn kaj templojn per iaj aliaj, ĝi volas nur k r o m la ekzistantaj kaj p a r a l e l e kun ili a n k a ŭ festojn, morojn kaj templojn neŭtrale-homajn. Estas vero, ke iom post iom (eble post tre longa tempo) la festoj kaj moroj neŭtrale-homaj paligados kaj elpuŝados la morojn gentajn, kaj la malaperantaj, ĉiam malpli kaj malpli ŝatataj religioj cedos iom post iom sian lokon al unu neŭtrale-homa kaj sincere kaj senhipokrite kredata religio ; sed ĉu de tio ĉi ion perdos la religia ideo ? Vin, S-ro Dombrovski, pri kiu mi scias, ke vi estas homo sincere kaj profunde religia, efektive kaj kore sindona pastro de Dio, — vin mi demandas : se vi povus vin turni al tiu granda morala Forto, kiun vi nomas « Dio » kaj demandi Lin, ĉu Li preferas, ke la homoj havu *m u l t a j n* religiojn kaj tial malamadu sin reciproke kaj ĉiu diru, ke nur l i a religio estas inter si ponton, per kiu ĉiuj religioj povos iom post iom kunfandiĝi en u n u religion, kaj ili konstruu templojn komunajn, — kion Dio respondus ? Se vi estas certa, ke Li preferas la u n u a n, tiam batalu kontraŭ la homaranismo ; sed se vi pensas, ke Li elektus la d u a n, tiam... ne batalu p o r ni (ĉar mi komprenas, ke kiel pastro vi ne povas tion ĉi fari, almenaŭ nun), sed almenaŭ ne batalu k o n t r a ŭ ni, ĉar batalante kontraŭ ni, vi batalos kontraŭ la volo de Tiu, al kiu vi ĉiam sincere kaj honeste servis. Homarano. »

Ĉi tiu respondo de Zamenhof estas do klarega. Sed ĉiu vera kristano devas decidege rifuzi ĉi tiun Zamenhofan « homaranismon » aŭ « internan ideon » ; ĉar la opinioj de Zamenhof koncerne la religion, festojn, morojn, templojn de la popoloj estas — b o l ŝ e v i s m a j ! Vidu ekz. la nuntempan « homaranismon » en Hispanujo ! Laŭsperte ŝajnas, ke ĝuste ĉi tiu « homaranismo » aŭ « interna ideo » sekvigas certan stagnon en la Esperanto movado, kaj kelkiuj forlasas ĝin nura simpla, taŭga kaj senkulpa tute. Esperanto — en si mem mondhelplingvo, kies inventon jam aspiris multaj aliaj scienculoj — ne estas « judajo », sed la interna ideo aŭ « homaranismo » de Zamenhof estas « judaĵo ». Pro tio oni konstatos, ke A. Hitler estas prava dirante en sia libro « Mein Kampf » (38. eldono, paĝ. 337) i.a. jenon : « ... Sur ĉi tiu unua kaj plej granda mensogo, ke la judismo ne estas raso, sed religio, poste surkonstruiĝas en deviga konsekvence ĉiam pluaj mensogoj. Apartenas al ili ankaŭ mensogo rilate la lingvon de la judo. Por li ĝi ne estas ilo, por esprimi liajn pensojn, sed ilo por kaŝi ilin. France parolante li pensas jude, kaj tornante germanajn versojn li vivĝuas nur sian naciecon. Ĝis kiam la judo ne fariĝis la estro de la aliaj popoloj, li devas vole-nevole paroli ties lingvojn ; sed tuj kiam la popoloj estus liaj servutuloj, ili ĉiuj devus lerni universalan lingvon (ekz. Esperanton !», tiel ke ankaŭ per tiu ilo la judaro povus pli facile estri la popolojn ».

Sufiĉas. Eble miaj ĉi-supraj diritaĵoj ankaŭ servu al la respondo pri la principa demando : « *Kio utilas al nia Movado ?* »

Ni represas la supran artikolon de katolika pastro en Germanujo. Ĉu utilas respondi ĝin ? Kun ebla risko rikolti insultojn ?

Ni respektas en D-ro Zamenhof antaŭ ĉio la genion kiu kreis lingvon praktikeblan. Ni estimas en li la modestan homon kiu neniun profiton tiris de sia inventaĵo. Ni amas en li la homon profunde religieman, ne lipkonfesantan, kiu praktikis dum tuta sia vivo la postulon « *Amu unu la alian* ».

D-ro Zamenhof havis siajn ideojn pri la efektivigo de etikaj postuloj, kiujn la esperantistoj preskaŭ centprocente akceptas. D-ro Zamenhof kredis kaj aspiris tion por la religioj, kion ili atingis en la lingva kampo. Tio estas lia bona rajto. Kaj estas la rajto de la esperantistoj lin sekvi aŭ ne ! Estas ne fordisputebla fakto, ke sen tiu speciala i o, disradiata de Esperanto, ne ekzistus hodiaŭ la movado, necesa batalinstrumento por ke la internacia lingvo i a m estu ĝeneralaĵo. Kiel lingvo Esperanto estas i l o, servanta eĉ por la malo de tio, kion celis la aŭtoro. Sed super ĉio, restas por la plimulto de la ĝagantaj esperantistoj la ideo kunhelpi en modesta kadro al idealo de interhoma kaj intergenta paco.

Apartenas al nia tempo postuli, ke eminente kulturaj problemoj estu vestitaj ruĝe aŭ nigre por trovi plaĉon. La internacia lingvo estas ĉies proprajo sendube. Ĝi ne bezonas specialan stampon.

Strange nin impresas alvoki atestantojn tiaj kiaj estas la civila milito hispana, kaj la opinion pri judoj kaj Esperanto de germana ŝtatgvidanto. La ideo, trovi ponton inter la religioj n e estas specife Zamenhofa aŭ juda inventaĵo. Estas eminentaj germanaj viroj, kiuj esprimis similan opinion. Sed ni ne perdu nin sur tiu ĉi vojo.

Bolŝevisma estas en Germanlando nun ĉio, kio iel ajn ne konformiĝas al la mondpercepto, tie reganta. Ni deklaras simple kaj honeste, ke tio ne koncernas nin. Ni sincere simpatias kun ĉiuj kiuj suferas pro konvinko aŭ raso. Tio estas nia rajto kaj tiel ni perceptas la Internan Ideon. La stagno de la Esperanto Movado estas precize dankata al la novaj — malnovaj doktrinoj pri rasa kaj alia supereco, kies brua reapero maltrankviligis la mondon kaj deturnis la homojn de ĉio, kio utilas al la paco. En tempo, kiam *kanonoj estas pli necesaj ol butero*, la predikantoj por paco kaj konkordo mutiĝos senpove.

Fine nia movado ja ne estis sufokita en Germanujo de ni mem aŭ pro la terura perspektivo, ke al multaj formoj religiaj, aldoniĝas unu plia. Ĉi tiu « danĝero » ja vere ne ekzistas, same ankaŭ ne ke la judoj devigus la tutan mondon lerni Esperanton. (Parenteze : En Palestino funkcias la klasikhebrea lingvo kiel oficiala. Kaj manpleno da esperantistoj penadegas tie, por starigi movadon !)

Riproĉante al ni inklinon al ideo eterne vivanta, ni ja troviĝas en plej bona societo. Interalie, Prelato Schleyer, verkinto de Volapük, formis la devizon : Menade bal, püki bal. (Al unu homaro unu lingvo.) Tio estus do ankaŭ ero de bolŝevismo verŝajne !

(Redakcio)

### Ekspozicio en Parizo

Okaze de tiu ĉi ekspozicio en 1937, samideanoj trapasontaj Boulogne-sur-Mer ricevos sciigojn pri turismo ĉe G. Baire, HM kaj D de UEA, Ciments Français, sciigojn pri komerco ĉe S-ro Barthélemy, 144, rue de Calais, Boulogne-sur-Mer.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

VI.

*(sekvo)*

### Hejma influo

Psik-analiza studo pri Zamenhof povus doni riĉan rikolton pri la sub-konscia flanko de la laboro. Sed eĉ sen tiu studo ni jam divenas kelkajn trajtojn de lia sen- kaj sub-konscia psikologio. Lumo kaj sono estas unuaj elementoj kiuj forte frapas novenaskiton. Post kelkaj monatoj la infano jam ekkomprenas sencon de la vortoj, gravaj por li : mama, papa, dodo, bobo..., (panjo, paĉjo, dormi, dolori). La kazo de juna Zamenhof estis escepta. Miksitaj lingvoj frapis lian orelon pli frue ol li komencis paroli, kaj li komencis paroli miksitajn lingvojn antaŭ ol li povis rezoni kaj konscie pripensi. Decidigaj estis la unuaj impresoj: ili gravuriĝis en la animon por la tuta vivo, kiel linioj de la estonta agado, kiel trajtoj de persona karaktero. La komparo inter malsamaj kune uzataj lingvoj estis la unua penado, eble la unua sufero, kiun la senkompata vivo trudis al la infano. Unue, estis arego da enigmoj, kiuj laborigis la cerbeton, puŝis ĝin al diversaj supozoj, imagadoj, fantaziaj sistemoj. Poste, kiam li iom kreskis, fiksiĝis por li pluraj paroj da samsignifaj vortoj : Ja — da, du — ty, ajn — adin, cvaj — dva, ŝvarc — ĉornyj, vajs — bielyj k.a. — sonaj ŝeletoj, kiuj maskis saman internan enhavon (: jes, ci, unu, du, nigra, blanka — en judgermana kaj rusa lingvoj). Tiu unua penado ne estis vana, ĝi donis al la cerbo forton kaj elastecon por la laboroj de la tuta vivo. Unu el tiaj enigmoj por juna Zamenhof estis la nomo mem de la urbo : *Belostok* (aŭ Bielostok), kiu longe ekscitis lian penetremon. *Biely* — blanka kaj *Slok* ? — ĉu bastono ? — blanka bastono... Kial ? Kial nia urbo estas nomata « blanka bastono » ? li demandis sin. Kaj eble lin intrigis ankaŭ la rusa vorto « vodo -stok » (akvo-defluejo, pluvakva tubo), kiu ripetis la enigman eron, ne donante la solvon. Pasis jaroj, li iĝis liceano, komencis serioze parkerumi : rosa, rosae, rosae, rosam..., (latina deklinacio) ; la infanaj revadoj forflugis kaj poste li foriris el Belostoko. Pasis jaroj. Junulo kreadis la lingvon. Juna viro redaktis la unuan lerno-libron, ne rimarkante, ke la sub-konscio fidela al la infaneco, ŝutis al li la unuajn infanajn forgesitaĵojn, puŝis lin sur la unuajn relojn, fiksitajn antaŭ dudek jaroj. Kaj skribante « ianajn » ekzemplon pri la nelogikeco de naciaj lingvoj, la junulo Zamenhof senvole obeis al sia sub-konscio, kiu diktis : « Belostok... Blanka bastono... mi forlasis Belostokon... mi lasis blankan bastonon... » Jes, li jam forlasis Belostokon, kiam li redaktis sian verkon, la Unuan Libron de Esperanto, sed tiu Belostok lin ne lasis, la urbo, kie li ekvidis la lumon, kie en animo lia estis por ĉiam engravurita la plano de lia estonta vivo, lia Espero kaj Nova Sento. Kaj por la sola ekzemplo de nacia mallogikeco, Zamenhof, obeante sian instinkton, reproduktas la unuan lingvan enigmon de sia infanaĝo : « *Ich weiss nicht wo ich meinen Stock gelassen habe...* » (Tiu ekzemplo en la Unua Libro celas pruvi ke Esperanto estas deĉifrebla per la radikaro por ĉiu, eĉ se li ne scias la lingvon, dum la sama deĉifrado en nacia lingvo kondukas al sensencaĵo : « Mi blanka ne kie mi pensi bastono — aŭ etaĝo — kvieta havo... », kiu por germano sencas : « Mi ne scias, kie mi lasis mian bastonon ».)

Kiel multaj aliaj mond-lingvistoj, ankaŭ Zamenhof naskiĝis en la urbo, kie pluraj lingvoj kunvivas, interpuŝiĝas, reciproke penetras unu alian. El tio rezultis forta lingv-ekzerco, cerba laceco, kaj sekve — la sub-konscia emo protesti kontraŭ ŝarĝo, kontraŭ spirite neutila balasto. La sana instinkto emis al ia unika facila lingvo, sen absurdaj komplikaĵoj, en kiu oni povus libere pensi, « ripozi », post perforta farĉado je dek lingvoj. En meza Rusujo, Germanujo, Francujo aŭdiĝas nur unu komune uzata lingvo. En limregiono Belostoka, male, tro da lingvoj miksiĝas. Zamenhof estis ido de tiama Rusa Imperio, en kiu la progresema parto da loĝantaro ĉiam protestis kontraŭ ĉiaj premoj kaj malbonoj. Oni protestis per strikoj kaj per pogromoj, sektanoj — per sinmortigo, teroristoj — per bomboj. Zamenhof, pacemulo kaj klerulo, ankaŭ *li* protestis : li kreis Esperanton.

* * *

Zamenhof mem rakontas (en sia letero al Borovko) pri la ĝermoj de Esperanto, kiuj naskiĝis dum liaj infan-jaroj. « Belostoko... tiu ĉi loko de mia naskiĝo kaj de miaj infanaj jaroj donis direkton al ĉiuj miaj estontaj celadoj. » En la sama letero li konfesas pri malgajaj jaroj de sia infanaĝo, pri sia anima doloro, poste pri la solecaj turmentoj de la studentaj jaroj, aluditaj en la poemetoj « Mia Penso » kaj « Ho, mia kor ». Tiuj fortaj sentoj devis iel influi al la karaktero de la kreata lingvo, kaj efektive ilia eĥo sonas unuavice en la fonetiko. Oftaj diftongoj (oj, aj, ej, uj, aŭ, eŭ) tiom karakterizaj por Esperanto, estas tipaj ankaŭ por lia patrinlingvo. En la slava kaj la hellena tiuj diftongoj simbolas doloron, suferon, melankolion. La interna ideo de Zamenhof estas do intime ligita kun la son-sistemo de lia hejma lingvo kaj kiam en 1909 oni provis forigi la finaĵon — *aŭ* el la serio : hodiaŭ, morgaŭ, baldaŭ, — la veteranoj de la lingvo klare eksentis, ke forigante tiun diftongon, oni kvazaŭ detruas la originalan fizionomion de Esperanto, oni atencas kontraŭ la intimaj sentoj, solaj ligiloj inter la kreinto kaj la disĉiploj. Tiu detruo ekŝajnis sakrilegia, kaj en lasta momento la plimulto da akademianoj rezignis je la reformeto.

Kiel ĉiuj knaboj de sia medio, Zamenhof studis la hebrean lingvon, kies malfacileco ekzercis lian penson ; kaj poste, alportante tiun malproksiman influon de la ŝemida kulturo al la hindeŭropa materialo, li senintence kontribuis al la sintezo de la tri rasaj influoj : blanka, flava kaj nigra. Al la eŭrop-azia fundamento li aligis la afrikan ĝermon, heredaĵon de la biblia epoko. Tiel okazis pli profunda internacieco, nevideble sed potence efikanta en la historio de Esperanto.

Juna Zamenhof kreskis apud sia patro, profesoro de lingvoj, aŭtoro de kvarlingva frazeologio. Inter la patraj libroj li vidis, foliumis, tiutempe tre uzatajn, kvarlingvajn paralelajn vortarojn de Ph. Reiff (angla-franca-germana-rusa), kaj pli novajn vortarojn de Makaroff, kiuj portis signifan titolon « Internaciaj Vortaroj ». La heredeco kaj la libra medio jam sufiĉis por sugesti al la junulo ideojn de paralela kompara poliglota vortaro, de internacia vortaro, de internacia lingvo.

### Sekretaj lingvoj en Orienta Eŭropo

Plua sugesto pri la eblo de artefarita lingvo venis al Zamenhof en lernejo, kie floradis artefaritaj sekretaj lingvetoj de buboj. Knabinoj preferis buŝe komunikiĝi en sia patrin-lingvo, transformita per simpla artifiko en strangan nekompreneblan, por neadepto, ĵargonon. Tiu artifiko, aplikita al Esperanto, povus doni jenan ekzemplan frazon : ĉulu vili aŭkaŭdikis kiolion ralakonlontalas Makarikio... (ĉu vi aŭdis kion rakontas Mario). Tute saman procedon ni aŭdis en Svislando, praktikatan inter knabinoj, eĉ plenaĝaj. Knaboj uzis alian parol-lingvon (rimarkinda analogio kun afrikaj triboj, kie viroj kaj inoj uzas du malsamajn lingvojn, kaj la trian komunan por ambaŭ seksoj) — en kiu ili miksis la ordinaran lingvon kun izolaj sekretaj vortoj, kies senco estis grava por la tuta frazo. Tiuj sekretaj vortoj estis la ordinaraj, nur returnitaj, aŭ metafore uzataj. Skribaj lingvoj konsistis en ĉifrado aŭ transliterado per konvenciaj literoj, signoj, krucetoj, geometriaj linioj. Persona individueco estis larĝe libera en tiaj lingvaj ludoj, ĉar ĉiu urbeto, ĉiu lernejo, iufoje eĉ ĉiu paro da interkomunikantoj uzis siajn formojn de lingvo, senfine variajn, kaj renovigatajn kun ĉiu generacio.

En tiu vasta landaro, kun centoj da lingvoj kaj sektoj, konita sub la nomo : Rusa Imperio, kreiĝis specialaj kondiĉoj, tre favoraj por kaŝitaj organizoj, sekretaj religioj, « *sub-plankaj agadoj* », laŭ tiuepoka esprimo. Migraj kamparanoj, nomadaj metiistoj, fuĝantaj sektanoj, forkurintaj politikaj krimuloj, ofte senkulpaj kaj idealemaj homoj, apostoloj de herezaj doktrinoj, vaguloj ĉiuspecaj, kiuj migris de la Mongola limo ĝis Karpatoj, kaj de Glacia Oceano ĝis la Hinda montegaro, — tia estis la giganta kaldrono en kiu bolis ĉiaj pasioj, kie ĝermadis ĉiaj kredoj. Ili ĉiuj bezonis sekretajn lingvojn por ekzisti. Ili ekzistis, do ili havis tiajn lingvojn. Malliberuloj uzis sistemon da murfrapaj signaloj. Vaguloj tranĉis sur arboj kaj kabanoj liniojn por informi siajn postsekvantajn kamaradojn. Migrantaj metiistoj laŭte parolis lingvojn nekompreneblajn por aliuj. Spiritluktantoj sciis metaforojn, fingrosignojn kaj ciferan ĉifradon. Uralaj sektoj ŝatis vortorebusojn kaj gestolingvojn. Kaj nature, idoj de siaj patroj, ankaŭ infanoj en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj uzis sian infanan lingvon, ŝanĝatan kun ĉiu generacio. Lingvistiko jam montris, ke en okcidenta Eŭropo tiaj sublingvoj formiĝis precipe en mikslingvaj regionoj, sur trapasejoj de migrantaj metiistoj. Nu, la rusa imperio entute estis grandega miksoregiono, favora por florado de konvenciaj interkompreniloj. En tiu kuŝas profunda diferenco inter okcident-eŭropa kaj orient-eŭropa mondlingva movadoj. Dum la unua estis ido de kabinetaj scienculoj, influitaj de internacia latino, — la dua estis ido de la popolo mem, kiu kreadis, kaj ankoraŭ nun kreas, vivantajn artefaritajn lingvojn por sia efektiva uzado. Zamenhof estis en la dua movado, kaj tial li estis pli forta per sia lingva sento ol eruditoj de la okcidenta civilizacio. Popola vivoplena instinkto nature superis intelektulan palan sciencon.

### Filologia influo

La juna Zamenhof edukiĝis sub la influo de la lernejo kaj de filologio, kiuj respegulis la epokon de la grekolatina klasikismo kaj de la scienco de Bopp, Pott, Schleicher, Chavée. Tiu influo estis nerekta, kaj verŝajne li neniam studis aŭtentikan lingvistikon. Chavée kaj Schleicher adoptis simplecajn teoriojn pri la lingva mekanismo, kaj revis rekonstrui komunan hind-eŭropan praan lingvon. Zamenhof konstruis komunan eŭropan lingvon kun simpla mekanismo. Ideo kaj rimedo similaj. Unu el tiutempaj dogmoj estis la teorio de primitivaj abstraktaj radikoj, ĉiuj kun verba karaktero. Tiu dogmo retroviĝas en Esperanto, en kiu la iloj, agoj, animstatoj ktp. derivas el verbaj radikoj (pafilo el pafi, gravuro el gravuri, tego el tegi). Tio estis heredaĵo el la « *filozofia gramatiko* » de la 18-a jarcento, kiam lingvostudantoj pli rezonadis ol observis, pli emis korekti la naturon ol kompreni ĝin.

Ke Esperanto baziĝis sur la greka, latina, germana, angla, slava radikaro, pri tio oni multe skribis, sed malofte estis klarigita la intima influo de slavaj lingvoj, apenaŭ videbla en la vortaro. Tiel estis ĉar la ĉefaj verkintoj en Esperantujo ne konis ilin. Kelkaj ĝustaj ideoj pri tio tamen estis diritaj en multaj artikoloj, dissemitaj en gazetoj, tra la trideko da jaroj. Ioma antipatio de okcidentuloj kontraŭ la orientuloj ankaŭ ludis sian rolon, malgraŭ la teoria amo kaj frateco inter la popoloj. Estas juste pri tio atentigi.

Rusa kaj pola lingvoj prezidis en la edukado kaj lerneja studado de Zamenhof, en Belostoko, Varsovio kaj Moskvo. La scio de tiuj lingvoj do estas necesa por studanto, kiu volas havi ĝustan ideon pri la strukturo kaj deveno de Esperanto. Kaj ankoraŭ pli grave, por kompreni kelkajn trajtojn de nia lingvo, kiuj unuavide ŝajnas strangaj aŭ neutilaj, necesas la sama intima penetro en la originan menson de Zamenhof. La mizeroj de nuna lingva evoluo (miskompreno, stagno, degenero) devenas parte el tio, ke ĝin gvidas kaj influas nur okcidentaj esperantistoj, kaj el ili nur tiuj, kiuj estas riĉaj je tekniko, okcidenta eruditeco, sed malriĉaj je tio, kio sole necesas por kompreni la lingvon de Zamenhof. Se la korpo (radikaro, literaro) de Esperanto estas okcident-eŭropa, ĝia animo (strukturo, tendenco) tamen restas orienta, eŭrazia, slava kun azia nuanco.

Tio en Esperanto, kion Zamenhof nomas « logika », « internacia », estas ofte nur iomete « hindeŭropa », aŭ eĉ nur « slava». Je ilia spirita avantaĝo, la slavoj estas plej barbaraj loĝantoj de Eŭropo, kaj al barbaroj apartenas la merito konservi praajn formojn, arĥaikajn poste-signojn kaj antikvajn pens-manierojn. Slava, latva kaj lituva — tiuj estas tri lastaj fideluloj-lingvoj, heredantoj de la primitiva hind-eŭropa idiomo. Se Zamenhof senkonscie tro profunde naĝis en la eŭrazia spirito, la nunaj gvidantoj faras alian eraron — esti en tro surfaca okcidenta penskutimo. Ambaŭ deflankiĝas de tio, kion ni nun opinias hind-eŭropa, eĉ pli larĝe : internacia. Tiukaze ni remoru, ke la antikva hind-eŭropa spirito multe penetris en kulturojn de Tibeto, Mongolio, Siamo, Ĉinujo kaj Japanlando, pere de Budhismo kaj Hinduismo, kaj en la religiojn de Sirio, Egipto, Malgranda Azio.

Ke ofte estis nur senkonscia influo de la slava al Esperanto, tion montras kelkaj punktoj, kie plia sendependo estus preferinda, ekzemple la akcenta regulo, (pli taŭgus akcento antaŭ lasta konsonanto, tio ekzemple ne necesigus apostrofadon : *patrino* kaj *patrin* portus egalan akcenton). La unuforma substantiva *o* memorigas pri la slavona « jer », kiel la serio : *mi ci li vi...* pri la slava serio : *mi ti vi oni...* La tabelo da korelativaj vortoj estas same simetria, kaj eĉ pli riĉa, en slavona : *koj toj, nikakoj..., kamo, tamo, nikamo... kogda, togda, nikogda*, tre simila al la rusa : *kakoj, takoj, nikakoj... kuda, tuda, nikuda... kada, tada, nikada...* ktp... (kio korespondas al : kia tia nenia... kien tien nenien... kiam tiam neniam). La sufiksoj : *an ar ĉj nj il in ul*, kiel la enigma *edz* — estas slavaj. Multaj nekompreneblaj kunmetaĵoj de la primitiva Esperanto estas nur laŭvortaj tradukoj el la rusa : *centjaro* (stoletje : jarcento), *elfosataĵo* (iskopajemoje : fosilio), *sendito* (poslannik : ambasadoro), *landaĵo* (zemstvo : landestraro), *vidaĵo* videnje : vizio), *sciigaĵo* (izvestija : bulteno, informilo), *bastaĵo* (rogoĵka : mato), *blankaĵo* (belkovina : albumeno), *ĉelaĵo* (kletĉatka : celulozo), *plejmaljunulo* (starŝina : estro), *antaŭvenema* (predupreditelnyj : afabla), *dezertulo* (pustynnik : ermito) *instruitulo* (uĉenyj : scienculo), *surbordo* (naberejnaja : kajo), *bonvidiĝa* (blagoobraznyj : deca), *enveturejo* (zajeĵijdvor : gastejo, hotelo), *oraĵisto* (zolotyĥdelmaster : juvelisto) k. a. Ne ĉiam estis slavspirita tia vortfarado : ofte tie estis el fora influo de la hellena, pere de la eklezia slavono, kiu estis bazo de la literatura kaj oficiala rusa lingvo.

Ankaŭ slava estis la absolute unuforma landnoma sistemo. Suba tabelo tion montras kun matematika precizeco. Irante de okcidento ĝis oriento ni vidas kiel kreskas en la naciaj lingvoj la emo al reguleco. En la franca lingvo estas ĉi tie nur 17% da regulaj formoj kun *-ie*. En la angla 25% kun *-ia*. En la germana 33% kun *-ien*. En la pola 90% kun *-ja*. En la rusa 100% kun *-ija*.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Allemagne | Germany | Deutschland | Niemcy | Germanija |
| Angleterre | England | England | Anglja | Anglija |
| Autriche | Austria | Oesterreich | Austrja | Avstrija |
| Belgique | Belgium | Belgien | Belgja | Belgija |
| Danemark | Denmark | Dänemark | Danja | Danija |
| Espagne | Spain | Spanien | Hispanja | Ispanija |
| Finlande | Finland | Finnland | Finlandja | Finlandija |
| France | France | Frankreich | Francja | Francija |
| Italie | Italia | Italien | Wlochy | Italija |
| Japon | Japan | Japan | Japonja | Japonija |
| Portugal | Portugal | Portugal | Portugalja | Portugalija |
| Russie | Russia | Russland | Rosja | Rossija |
| 17% | 25% | 33% | 90% | 100% |
| *-ie* | *-ia* | *-ien* | *-ja* | *-ija* |

# LITERATURO

## Lingvaj minoritatoj
### (Lingvaj malplimultoj)

Ni malfermas rubrikon pri malplimultoj lingvaj, serio de artikoloj aperontaj de tempo al tempo. La internacia lingvo havas la idealan taskon i a m servi kiel helpilo inter la anoj de malsamaj lingvoj, en aro da landoj kun lingvaj malplimultoj, kaj esti kvazaŭ protektilo, por ili. La serion ni malfermas kun artikolo pri la baska popolo. Notinde estas, ke aperis ŝlosilo de Esperanto en tiu ĉi lingvo. *(Redakcio.)*

#### La baska enigmo

Vera enigmo por la lingvoscienco kiel por la etnologoj estas la baskoj. De kie venis tiu ĉi rimarkinda popolo, kiu ĝis nuntempe obstine defendis siajn apartaĵojn, ne estas konata. Sennombraj teorioj ekzistas pri ilia deveno. Ĝis laste oni ilin konsideris kiel posteulojn de la antikvaj iberoj, dume pli nova tezo ilin prezentas kiel restaĵon de praloĝantaro antaŭibera. Kaj kiu nur en la limregionoj pli forte miksiĝis kun iberoj.

Vivas hodiaŭ 250.000 baskoj (proksimume) sur franca tero kaj 600.000 sur hispana. Nerefutebla pruvo pri ilia antikveco estas la loknomoj, kiuj eĉ en fremda ortografio kaj sonŝanĝo malkovras la baskan devenon.

La batalo kontraŭ la baska lingvo, ne havis notindan sukceson, kiel oni povas facile konstati, ekzemple en la vendoplacoj de Perpignan kaj pireneaj lokoj kie la kamparaninoj parolas baske. Kaj la infanoj lernas ĝin de la parencoj. Pruvo, ke la baska lingvo konservis sian povon kiel ligilon malgraŭ la absolute fremda ĉirkaŭaĵo. Ja, eĉ en la eleganta urbo Biarritz oni aŭdas sufiĉe ofte la baskan lingvon. La loknomo Biarritz devenas laŭ filologoj de l'vorto *arri* el la baska, kio signifas *ŝtonplena*. Multaj monumentoj, precipe tiuj pri la milito, portas surskribojn en baska apud la franca. En iuj lokoj pireneaj la lingvo tiom estras la rilatojn, ke eĉ la surskriboj de magazenoj estas baskaj.

Iom alie estas en Hispanujo. Tie en pasintaj jaroj oni klopodis ekstermi tiun ĉi fremdaĵon, konforma al la formulo « Unu dio, unu regno, unu reĝo, unu lingvo, unu popolo ». Sed tio ne sukcesis en la distriktoj kamparaj. Ankoraŭ nun pli ol sescent mil da hispanaj civitanoj parolas baske. Kiam en jaro 1910, ministerio Canalejas provis senproprecigi la religiajn societojn baskajn de ilia havajo, marŝis 50.000 baskoj al San Sebastian kaj 90.000 al Pamplona, sen armiloj, sed deciditaj defendi siajn rajtojn. La registaro en Madrid ŝanceliĝis kaj fine cedis. Tiam la baskoj komprenis, kion ili povas atingi, se ili ne submetiĝas. Kaj tiam vekiĝis nacia sento. Saĝe la baska popolo ne okupiĝis pri la granda politiko, kaj ne formis politikan partion. En ambaŭ parlamentoj, en la Cortes kiel en Palais-Bourbon ili estus restintaj malatentata manpleno da opoziciuloj sensukcesaj.

La baskoj estas tre lertaj kampkulturistoj kaj ne bezonas enporti alilandajn nutraĵojn. Pro malmulte da herbeja tereno, la bredado ne estas speciale evoluiĝinta, sekvé oni manĝas malmulte da viando. Grava estas la fiŝkaptado.

La baska domo estas el ŝtonoj kaj havas ruĝan tegoltegmenton. La komuniko inter la teretaĝo kaj la supraj etaĝoj estas farata per ŝtupetaro. La popolo estas ĝenerale bonsana. Dum la vintro oni portas lignoŝuojn, dum somero la memfaritajn « Alpargatas » ŝuoj el veltuko kun plandoj el stupo. La vestaĵo konsistas el tuko, jako, pantalonoj el lino kaj la « Bomba », la baska ĉapo, ĉie konata en Eŭropo. Plej ofte la « Bomba » estas malhelblua, dum funebro, nigra. La polico kaj aliaj publikaj oficistoj portas ruĝan ĉapon.

Ŝatata ludo baska estas la « Pelota » pilkoludo, sed aliaj sportoj estas tre disvastigitaj. Al la internacia komunumo de la boksistoj la baskoj donis la boksmastron tutmondan, la faman Paolino.

Kaj ilia lingvo... ? nu, ĝi estas la enigmo de la enigmoj. La unua baska gramatiko aperiŝ entaŭ ducent jaroj. Utilas por kompreneti baskan, koni la keltan lingvon, ĉu la irlanda ĉu la gaelan. Multaj vortoj en la irlanda el la prakelta periodo iĝas pli kompreneblaj per la kono de la baska idiomo. Ja eĉ oni konstruis iajn rilatojn inter la baska kaj la hebrea inter la baska kaj la lingvo de la Inkaoj.

La respublika reĝimo en Hispanujo donis al la baskoj specialajn avantaĝojn kulturajn. Energie ili defendis la novan pozicion precipe la nelimigitan uzadon de la propra idiomo apud la hispana en la lernejoj.

Por formi al si ideon pri la lingvo servu jena teksto, tirita el la Evangelio. La biblio aŭ partoj el ĝi estas presitaj en la tri dialektoj : La francaj Labourdin kaj Souletin, la hispana de Guipuzcoa, en kiu estas represata jena ekzemplo :

*Zergatic ain maite izan du Jaungoicoac non emanmundua duen bere Seme Bacarra beragan fedea duan guzia galdu ez dedin, baizic izan dezan betico bizia.*

En Esperanto :

*Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian solenaskitan filon, por ke ĉiu kiu kredas je li, ne pereu, sed havu eternan vivon.*

## Talleyrand

Talleyrand servis sinsekve al kvin registaroj : *Ancien régime*, direktorio, konsuloj, imperio kaj al la Restauration. (Restarigo de l'monarkio.

« Li ŝanĝis siajn konvinkojn kiel oni ŝanĝas tolaĵon », iu diris foje al Metternich pri Talleyrand. « Ne », opiniis Metternich, « se li estus ŝanĝinta sian tolaĵon tiom rapide kiel la konvinkojn, tiam neniu lavistino estus povinta lin sekvi.

* * *

Kiam Talleyrand malsaniĝis, diris Metternich, levante la ŝultrojn : « Nenia miraklo ! se dum tuta la vivo oni tiom ofte ŝanĝas la reĝimon. »

* * *

Oni parolis ĉe tablo de Ludoviko XVIII pri la granda revolucio... « Estas tre strange », opiniis Talleyrand ironie « kiel la homoj mokas pri si mem. Ĝuste en la momento, kiam tuta Francujo perdis la kapon, oni proklamis la saĝecon kiel diinon. »

* * *

Post manĝo ĉe bankisto F. oni demandis Talleyrand kiel evoluis la festo. « Kiel ĝi ne povis esti alie », klarigis tiu ĉi. Ĉio kio estis *ĉirkaŭ* la tablo, devis esti *sur* la tablo : *Bovoj* kaj *birdoj*. »

## Aforismoj

de C. F. Wiegand.

Obeemo ne iĝu pasio.

* * *

La fontoj de toleremo estas saĝo kaj bono. Sed ankaŭ malkuraĝo, indiferenteco, malforto kaj malemo.

* * *

La plej grandaj malamikoj de profetoj estas iliaj disĉiploj.

* * *

Ĉe la rido de virino oni rekonas en kies societo ŝi troviĝas.

### Aforismoj de bankoficisto

*Banko similas al bredĉevalino, Ĝi ĉiam estas kovrita !*

* * *

*Se la kliento gajnas, tiam li havis bonan flaron. Se li perdas iam, malbonan bankieron.*

* * *

*Spekulacii ne estas plej alta idealo. Plej granda malbon' estas la report'.*

* * *

*Ne trovas gracon, plej bel' frizita bilancet', Se ĝi ne plaĉas al kritikist' malica.*

* * *

*Tantiemoj, salajroj, ĝeneraloj kostoj, estas objektoj de la taga bezono. Dividendo estas lukso.*

* * *

*Ĝenerala kunveno = karnevala kunsido, la akciuloj aperas kiel sensignifa nombro, la administracio kiel sfinkso.*

# Por akiri " stelon de merito "
# Al Varsovio venu sen hezito !

## III.a Konkurso inter Radio-amatoroj de « Italaj Priturismaj Kronikoj »

#### Regularo

1º Oni malfermas, inter Radio-aŭskultantoj de « Italaj priturismaj Kronikoj », trian Konkurson kun premioj, kiun povas partopreni radio-amatoroj je ĉiu ajn nacio, loĝantaj ekster la Itala Regno-Lando.

2º La konkurso celas premii la radio-amatorojn, kiuj estos kaptintaj la plej grandan nombron da disaŭdigoj de « Italaj Kronikoj », dum difinita periodo, por rekompenci ties diligentan aŭskultadon.

3º La konkursanoj sin anoncu plej baldaŭ, per rekomendita letero, indikante : familian nomon, personan nomon, straton, numeron, urbon, landon, kaj kiajn paroladoin ili intencas aŭskulti (en kiu lingvo).

4º La disaŭdigoj havantaj la konkursajn kondiĉojn postulitajn por regule efiki, estas tiuj disradiigotaj de Radio Stacio Romo I (m. 420,8) je h. 18 (laŭ Greenwich) je h. 19 (laŭ M.E.T.) :

| | | |
|---|---|---|
| lunde | en franca | lingvo |
| marde | en angla | » |
| merkrede | en germana | » |
| vendrede | en nederlanda | » |
| sabate | en *Esperanto* | » |

5º La konkurso komenciĝos per la franclingva parolado je la 22.a de Februaro 1937 kaj finiĝos per la esperantlingva disaŭdigo je la 27.a de marto 1937.

Kvin sinsekvaj paroladoj estos nepre bezonataj por ĉiu lingvo.

6º La paroladoj komenciĝos kaj finiĝos per du eksterteksaj vortoj, kiujn oni devas tuj noti por, siatempe, komuniki ilin. La validaj vortoj, konigotaj unu ĉe l'komenco, la alia ĉe la fino de ĉiu konversacio, estos ripetataj tri fojojn.

7. Dum la'konkurso, la tekstoj de l'paroladoj ne estos sendataj.

8. La duopaj vortoj estos transskribataj kaj komunikataj, post la lasta disaŭdigo (27.a de marto), al Ĝenerala porturisma Direkcio kune kun artikoleto solvanta la demandon : « Kion interesan kaj amuzigan vi dirus, dum malmulte da tempo, pri la itala turismo, se vi estus invitataj paroli antaŭ la mikrofono ? ».

Respondoj ekspedotaj post la 31.a de marto 1937, ne rajtas partopreni la konkurson.

La poŝtoficeja stampo decidigos la validecon de l'dato.

9. Klasifiko estos kompilata laŭ la jena merito : oni asignos :

2 poentojn por ĉiu parolado aŭskultita ;

10 poentojn por ĉiu teksto juĝata *bonega* ;

8 poentojn por ĉiu teksto juĝata *bona* ;

6 poentojn por ĉiu teksto juĝata *sufiĉe bona*

4 poentojn por ĉiu teksto juĝata *interesa*.

En kazo de samvalora klasifiko, Komisiono denove ekzamenos la konkursaĵojn, preferante tiun, redaktitan laŭ stilo radiofonia kaj kies enhavo prezentas originalajn ideojn.

10º Dek premioj estos aljuĝataj 2 por ĉiu lingvo) konsistantaj :

*a)* Kvin ir-revenaj fervojaj biletoj, unuaklasaj, de landlimo ĝis Napolo, kaj 10 hotel-kuponoj, Kateg. B.

*b)* Kvin ir-revenaj fervojaj biletoj, duaklasaj, de landlimo ĝis Romo, kaj 10 hotel-kuponoj, Kateg. C.

11º Konkursanoj, adresu ĉiujn korespondaĵojn al :

Direzione Generale per il Turismo — Concorso Radio — Via Vittorio Veneto — Roma (Italia).

12º Tipa-respondo de la konkursano :

*a)* Konversacioj aŭskultitaj en lingvo...

*b)* Validaj vortoj :...

*c)* Originale verkita artikoleto (maŝinskribata sur aparta folio).

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 5

**1937 Februaro 29-a Jaro**

*Premioj al frupagintoj.*

Sekve de la malklareco, reginta ĝis plena reaktivigo de la UEA Centro, multaj samideanoj atendis realiĝi, kaj sekve profiti de la premio de frupago. Por bonigi tiun ĉi fakton, la rajto ricevi tion premion estas plilongigata ĝis *31 Marto 1937*.

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ĉefdelegitoj*

Estas nomitaj kiel Ĉefdelegitoj provizoraj :

*Itala:* S-ro Corrado Cerri, maestro, Pavana Pistoiese (Pistoia).

*Brita :* Albert E. Hepton, Grafton Street 89-A Hull (Anglujo).

*Kotizoj bulgaraj*

Dank'al aliigo de la valuto, la kotizoj por bulgaroj povas esti malaltigataj. Ili estas nun :

*Membro :* 50; *Membro-abonanto :* 125; kaj MS 350 Levoj. Dum monato Marto eliros cirkulero al ĉiuj estintaj anoj de UEA en Bulgarujo kun invito realiĝi al UEA.

*Propaganda Servo*

Ŝlosilo de Esperanto laŭ normo de UEA por ĉeĥoj aperis. Ĝia kosto estas 1 Kĉ. Mendebla ĉe Esperanto Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, Uralské nam. 447. Praha 19. Kaj Propaganda Servo de UEA, Genève.

## Preztabelo 1937

| Lando : | Mono : | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo | Fr. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 50 | 125 | 350 |
| Ĉeĥoslov | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| Ĝinujo | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo | Fr. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| German. | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungar | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio | Lat. | 4 | 10 | 25 |
| Litovio | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederland | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzeland | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Polujo | Zlot. | 5 | 12,50 | 25 |
| Portugal | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Fr. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève, Red. : Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 23 Februaro 1937